# LA CIGANA BUBO EN LA NORDO

GIEBEL



For en Sud', bel-Hispanio,
mia kara patroland'.
Ombras kaŝtanarboj tie,
plaúdas mar' ĉe Ebro-strand'.

Tie la migdaloj floras,
plenabundas vito-ter';
tie rozoj dolĉodoras,
lumas sun' en blua sfer'.

Nun mi vagas kun gitaro,
lacapaŝe, strat-post-strat'.
Min neniu okulparo
ekrigardas kun kompat'.

Oni priavaras monon;
grumble for-ordonas min
min, la povran, brunan homon
malŝatadas ho, sen fin'!

La nebulo min deprimas
ĝi la sunon baras for.
Kanti jam ne plu kutimas
mi el gaja, varma kor'.

Sed anime monotonas
sopirplena vea plor':
Ĝi min ĉiam plu admonas
"Al la land' de suna glor'!"

Ardo mia ne forpasos!
Ĝin mi ne subpremu plu!
Nunan teron mi forlasos:
Ire al ĉiela blu'!

Ek al Sudo! Land' Hispana!
Al la land' de suna bril'
Ombre sub arbar' kaŝtana
dormos mi, Hispana fil'!

Trad. F. R. BANHAM
MELBURNO

Giebel estas germana poeto, ne tre konata.
Originala titolo: Der Zigeunerbube im Norden.

## RENASKIĜO DE ESPERANTO EN MENORCA

Post adekvata propagando kaj informado pri Esperanto pere de ĵurnaloj kaj en diversaj instancoj, la 3-an de majo, nia samideano S-ro Antonio Tuduri prelegis pri Esperanto en "Casa de Cultura" de San Luis de Menorca, oficiala ejo, kiu dependas de la Ministerio. La preleganto sin prezentis kiel Delegito de UEA en tiu bela insulo. La prelego vekis grandan intereson pri Esperanto kaj je la fino, la Direktoro de tiu oficiala Centro petis de S-ro Tuduri ke li pretigu novan paroladon, ĉar evidente la temo interesas al la insulanoj.
La ĵurnalo aperigis intervjuon kun S-ro Tuduri kaj raporton pri la prelego.

## PRELEGO PRI JAPANUJO EN VALLADOLID

La 4-an de majo mi havis okazon partopreni en la sidejo de la Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid, agrablan kunsidon organizitan por ke S-ro Gil Contreras rakontu al la membroj de la Grupo kaj simpatiantoj, siajn impresojn okaze de lia vojaĝo al Japanujo.
Nia samideano komencis sian paroladeton dankante al D-ro Zamenhof tiun mirindan interkomprenilon, kiu estas la internacia lingvo Esperanto. Tuj sekve, S-ro Gil Contreras klarigis al ni diversajn aspektojn de la vivo de tiu interesa lando, kies moroj kaj tradicioj estas tiel malsamaj al la niaj. Li montris al ni fotojn kaj broŝurojn ja interesajn, kaj je la fino li legis leteron de Profesoro de la Medicina Fakultato de la Universitato de Granada, kiu dankas al S-ro Gil Contreras pro la helpo ricevita dank' al Esperanto dum ilia restado en Japanujo.
Antaŭ ol la parolado de S-ro Gil Contreras komenciĝis, ni vizitis la Grupejon, kiu situas en la centro de la urbo, kaj kies diversaj salonoj komforte meblitaj invitas al laboro.
Mi deziras al niaj samideanoj el Valladolid grandan sukceson en ilia por Esperanto-laboro.

I. G.

---

## ANEKDOTOJ

### LA NAZO DE LA "DAVID" DE MIGUEL ANGEL

Ĵus la mirinda verko estis finita, la tuta Respubliko de Florencia priokupiĝis kaj diskutis pri kie oni devis loki la jam faman "Davido"-n; en la debatoj intervenis la plej famaj viroj de Florencia, kiuj prave balotis favore al la "Loggia del Lanzi". La transporto okupis la tutan loĝantaron dum tri tagoj kaj noktoj. Kiam la statuo estis jam lokita, Petro Sonderini rimarkigis al Miguel Angel la ekscesan volumenon de la nazo, kaj la skulptisto, prenis kaŝe manplenon da marmora pulvoro, simulis iom ĉizi, kaj post tio petis al Sonderini ke li juĝu la efekton. La sagaca kritikisto respondis: "Mirinde!... vi donis al ĝi la vivon!".

### LA LAZARONA ALMOZULO

Dekkvinjara knabo alproksimiĝis surstrate al sinjorino kaj petis de ŝi kvin stelojn kiel almozon.
—Nu! Kvin stelojn?! —ŝi respondis mirigite— Kian almozmanieron do, vi praktikas?
—Sinjorino —respondis la knabo— ĉar vi neas ilin al mi, mi ne ĝenos alian personon: per tiu malgranda kvanto mi povus rezigni decidon, kiun nun mi devos fari. Kaj tion dirinte li profunde sopiris kaj foriris plorante.
—Nu! —diris la sinjorino al sia akompanantino— ĉu tiu malfeliĉulo havas intencon kiu igos lin fari sensencaĵon? Mi ne volas ke pro kvin steloj tiu malfeliĉulo malvirtiĝu.
La sinjorino vokis lin kaj diris: —Jen, kvin steloj por vi; sed diru al mi, kial vi tiom afliktiĝis kiam mi neis la almozon al vi?
—Sinjorino, ĉar mi pensis ke mi nepre devus labori.



# ĈU VI IUFOJE VIZITIS JAPANUJON?

Estas tiel interesa, tiel mirinda, kaj ankaŭ tiel admirenda, ĉi tiu lando, ke mi opinias, certe valoras laciĝi iomete kaj fari la elspezojn kiujn postulas ĉi tiu veturado.

Kvankam mi ne estas verkisto, nek tiun metion mi intencas atingi, puŝate de la multaj mirindaĵoj, kiujn mi spertis dum mia tre mallonga restado, nur dekkvin tagojn, en tiu orienta lando, mi kuraĝas skribi ĉi tiujn liniojn per kiuj mi celos nur raporti iujn el miaj travivaĵoj esperantistaj. Mi bezonus grandan libron por klarigi surface la tradiciojn kutimojn, belegajn kostumojn, bongustajn manĝaĵojn, ktp. de tiu ezotika lando, same kiel pri ĝiaj sanktejoj, pejzaĝoj, luksegaj hoteloj, en kiuj mi havis la bonŝancon tie ripozi, ĝui kaj distri min.

Se ni nur konsideras la Esperantan flankon de tiu ĉi vojaĝo, mi devas sciigi al vi, ke mi ĉiam supozis, de kiam mi esperantistiĝis, la avantaĝojn, kaj helpojn, kiujn la kono de tiu ĉi facilega lingvo kunportas. Iujn el tiuj avantaĝoj mi jam spertis antaŭe, helpante finlandanojn, nederlandanojn, polojn, ktp.; sed, dum mia vojaĝo en Japanujo, ne nur ekzistis helpon al mi, tute ne, tion mi ne povas nomi helpemon, tio estis vera frateco.

Mi rakontos skize miajn interrilatojn kun la japana esperantista popolo, kaj kiam vi legos ĉi tiun artikoleton vi mem juĝos.

Antaŭ du jaroj, ĉarma japana esperantistino, F-ino Tsune Yamamoto, vizitis nin en Valladolido; mi, same kiel la ceteraj esperantistoj de la Grupo "Fido kaj Espero", akompanis ŝin kaj klopodis faciligi kaj plezurigi ŝian restadon inter ni. Mi skribis al ŝi, sciigante miajn liberajn tagojn en ŝia grandega urbo Tokio, kaj la hotelo kie mi loĝos, "Imperial Hotel". Unu tagon vespere, nia amikino akompanata de S-ro Misudi kaj alia esperantista junulo, sin prezentis antaŭ mi. Ni interparolis en unu el la dudek belaj salonoj de la hotelo kaj ni interakordis ke la sekvontan matenon je la deka, nia amikino renkontu kaj akompanu min tra Tokio. Kun la kutima akurateco de la japanoj, sin prezentis mia amikino, la tutan tagon ŝi akompanis min; ŝi montris al mi multajn belajn aspektojn de la urbo; ŝi regalis min per tipa japana tagmanĝo en japana restoracio kaj per karafo de la japana vino "suke". Vespere, S-ro Niŝiumi invitis min en la Universitata festo okaze de la fino de la kurso, ĉar li profesoras en la Universitato de Tokio. Poste mi partoprenis la kunvenon de la Zamenhofa Grupo, la gegrupanoj faris al mi kelkajn demandojn, kiujn mi volonte respondis, kaj ni havis ne lunĉon, sed veran vespermanĝon, trinkante sukeon. Tie, en vere amika etoso, oni konsideris min kiel iun ajn el ili, kaj oni donacis al mi esperantan tradukon de Nobel-premiita japana verkisto.

Ankaŭ alian por mi liberan tagon, denove min akompanis F-ino Tsune, tra la stratoj de Tokio, kaj ni vojaĝis per la nepriskribebla subtera fervojo. Sed, tiu ĉi fraŭlino ne limigis sian afablecon al tiuj komplezoj, ŝi kaj unu el siaj amikinoj, bela kiel porcelana statueto, donacis al mi unu el miaj plej karaj memoraĵoj el Japanujo. Ambaŭ devigis min sidiĝi antaŭ tablo por vespermanĝi tipan ĉinan vespermanĝon. Ĉu vi ne imagis iam manĝi ĉinajn manĝaĵojn, ĉirkaŭate de ravaj knabinoj, per buntaj kimonoj vestitaj?

En aliaj urboj, okazis same; kaj, kion mi povus diri pri la geamikoj de Osaka? Kaj de S-roj Shindo kaj Kusuda? Se mi intencus priskribi ilian komplezemon al mi, ĉi tiu artikoleto ne havus finon. Sed ili scias, ke mi ĉiam memoros la afablecon kaj ĝentilecon de la japana esperantistaro. Miaj gekunvojaĝantoj enviis min, kaj multaj el ili petis de mi, ke mi estu ilia akompananto, por tiel faciligi ilian restadon en la lando; tiamaniere, ili povis manĝi en bonaj kaj malmultekostaj restoracioj, aĉeti en konvenaj butikoj, spekti tipajn prezentadojn aŭ simple promeni, sciante sur kiu strato oni iras.

Mi atingis ĉi tion dank' al nia lingvo kaj al la interna ideo, kiu devas movi ĉiujn niajn agojn. Ni, —kaj mi ne deziras enuigi iun—, havas la mirindan ekzemplon de niaj japanaj geamikoj.

Imitu ilin kaj ni pruvos kiel altega estas la gravo de la esperatisteco!!!

Ĝis ĉiam, japanaj geamikoj.

A. GIL CONTRERAS

## CUENTA DE RESULTADOS

| | | |
|---|---|---|
| Saldo al 31-XII-1970 | | 107,70 |
| *Cuotas y donativos 1971* | | 106.585,— |
| *Cuotas Dumvivamembroj* | | 20.000,— |
| *Intereses cuentas corrientes Bancos Santander y Español de Crédito* | | 150,61 |
| *Congreso de Alicante:* | | |
| Saldo resultante | 5.698,— | |
| Derechos de examen | 850,— | 6.548,— |
| *Subvención Ministerio de Educación 1971* | | 20.000,— |
| *Local Secretaría Permanente:* | | |
| Subvención Ministerio Educación 1970 | 98.000,— | |
| Donativos para F. A. L. P. | 77.100,— | 175.100,— |
| | | 328.491,31 |

| | | |
|---|---|---|
| *Gastos de Secretaría* (sellos correo, circulares, cartas, impresos, etc.) | | 7.465,— |
| *Gastos de Tesorería* (sellos, tarjetas de acuse de recibo, giros, reembolsos, etc.) | | 4.100,23 |
| *Gastos «Boletín»:* | | |
| Facturas Imprenta Boloix: | | |
| Núm. 11/12 de 1970 | 11.263,— | |
| 6 números de 1971 | 85.740,65 | |
| Sellos correo, sobres, etc. | 6.689,20 | |
| Gratificación al Director (1971) | 1.000,— | |
| Donativo Campaña Navidad | 400,— | 105.092,85 |
| *Cuota de U. E. A. 1971* | | 3.920,— |
| *Material de propaganda* (adquirido a Eldona-Fako y Libro-Servo | | 5.504,— |
| *Gastos instalación de la Secretaría* (mesa, sillas, instalación eléctrica, etc.) | | 13.840,— |
| *Adquisición local para Secretaría:* | | |
| Entrega inicial | 100.000,— | |
| Timbre letras pago aplazado | 4.480,— | |
| Pago de 2 primeras Letras de 7.775,— ptas. | 15.550,— | 120.030,— |
| Resultados | | 68.539,23 |
| | | 328.491,31 |

*Gerardo Flores*

## BALANCE-INVENTARIO

| | | |
|---|---|---|
| *Disponible* | | |
| En Caja y Bancos de Santander y Español de Crédito ... ... ... ... | | 68.539,23 |
| *Exigible* | | |
| Fianza Unión Eléctrica, S. A. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 1.160,— |
| *Realizable* | | |
| Existencias de Libro-Servo ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 78.715,— | |
| Material de oficina (tarjetas, cartas, sobres, impresos reembolso, sellos, etc.) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.500,— | 82.215,— |
| *Inmovilizado* | | |
| Local en propiedad ... ... ...... ... ... ... ... ... ... ... ... | 600.000,— | |
| Mobiliario adquirido ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 6.400,— | |
| Idem donado por los s-anoj Figuerola y Flores ... ... ... | 20.000,— | |
| Instalación eléctrica ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.900,— | 630.300,— |
| | | 782.214,23 |
| *Exigible* | | |
| Efectos a pagar en 5 años (incluidos intereses) ... ... ... ... ... ... | | 485.950,— |
| Hipoteca a favor de la Caja de Ahorros y Monte de Piedad (amortizable en 10 años) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 92.500,— |
| *Patrimonio de la Federación en 31 de diciembre de 1971* ... ... ... ... | | 203.764,23 |
| | | 782.214,23 |

*Gerardo Flores*

## ✱ Ni legis por vi ...

INVIT' AL JAPANESKO, de Masao Miyamoto. Originala poemaro. Kovrilo de Jan Schaap Jr. Eld: J. Régulo (Stafeto. Beletraj Kajeroj) La Laguna, 1971. 110 paĝoj, 22 × 15 cm. Broŝurita. Prezo: 140 ptoj.

Jam de multaj jaroj oni provas enhejmigi en nian lingvon la plej tipajn formojn de la japana poezio, ĉefe la hajkon kaj la utaon. Gabrowski, Kalocsay, Waringhien, Tarkony, Maŭra, Ossaka, Mattos kaj aliaj metis la teknikajn bazojn de la transplanto kaj verkis pecojn tradukitajn kaj originalajn, el kiuj kelkaj estas veraj juveloj de la Esperanta poezio. Ŝajnas tamen, ke Masao Miyamoto per *Invit' al Japanesko* definitive fiksis la formon en Esperanto de la hajko kaj de la utao; la hajko per tri versoj 5, 7, 5 — silabaj kun rimado sur la unua kaj lasta, kaj la utao per 5, 7, 5, 7, 7 — silabaj versoj kun rimado de la dua aŭ tria verso kun la lasta. Miyamoto ne allasas viran versfinon, kio ŝajnas imitinda kaj konforma al la esenco de tiel delikataj versaĵoj.

Pro la brilaj solvoj teknikaj de Miyamoto en la redono de prozodiaj strukturoj tiel fremdaj al Esperanto, *Invit' al japanesko* certe havas konsiderindan valoron. Krome, la eksterordinara 'senkarneco' de hajkoj kaj utaoj postulas plejan koncizigon de la ideoj, sekve majstran manipulon de la lingvo, por ke la freŝo de la inspiro ne perdiĝu en la obskuro de troa lakoneco. Miyamoto eminentas, uzante la lingvon, kaj, kiel Auld prave diras en la antaŭparolo de la libro, 'li estas absoluta majstro de sia esprimilo' kaj 'diboĉas libere per magiaj vorteblecoj'.

Efektive la libro estas fascina ekzemplo kaj superba pruvo de la fekundo ankoraŭ latenta en Esperanto. Ni legu, ekzemple:

*Alteoj alte*
*alee aprezindas;*
*aŭgusto alde.*

*Ha, transfenestras*
*la frost' en la vagonon;*
*neĝblanko estras.*

Bedaŭrinde la inspiro de Miyamoto ofte estas nek tiel profunda, nek tiel subtila, kiel lia scio de la lingvo. La elvokiva kaj sugesta aromo karakteriza de la hajkoj jam de la tempo de la genia Baso (1644-1694) mankas pli, ol oni dezirus en *Invit' al japanesko.* La pliparto de la hajkoj de Miyamoto (la samon oni povas diri pri liaj utaoj) portas malmulton *esence* poezian. Ili estas, ne kvintesencoj de raraj parfumoj, sed banalaĵoj en brila vesto montrantaj admirindan virtuozecon teknikan kaj lingvan, sed ne lirikan.

Kiam Miyamoto trafas la ĝustan klavon, la efekto estas tre bela. Ekzemple:

*Rimors' rampanta,*
*kun olda muŝo vintra*
*sunbane lanta.*

*Ĉe flag' en flirto*
*forsvenis mia morno;*
*ho, soras birdo.*

Apud tiel ĉarmaj hajkoj, kiuj tuŝas al ni en la senton per siaj sugestaj transfundoj, multaj aliaj pecoj ŝajnas simplaj konstatoj mankaj je subsenco kaj eĉ je inspiro. Ekzemple:

*Venis sen ĉes' tra*
*maja nokto miaŭoj*
*de sub' fenestra.*

*Ĉe suda maro*
*tapiŝas flave klifon*
*jonkvila aro*

kaj tiaj hajkoj danĝere proksimiĝas al la vulgara etoso de la senrjuoj, sed sen ties humuraj elementoj.

Resume? Libro grava, bela kaj akirinda pro ties lingvo kaj poetika tekniko kaj pro la iomo da vera poezio en ĝi sidanta. Masao Miyamoto estas sentiva poeto, tial, ni rajtas peti de li verkon ne nur forme kaj lingve brilan, sed ankaŭ interne kaj koncepte poezian.

F. DE DIEGO

LAŬTEMA VORTARO: ESPERANTO, ENGLISH, FRANCAIS, ESPAÑOL, de 'Ergoto'. Eldono de la aŭtoro. Buenos Aires, 1972. 234 paĝoj, 12 × 17,2 cm., broŝurita. Prezo: 210 pesetoj.

Tiaspeca libro povas esti utila speciale al tradukistoj kaj interpretistoj, se oni ĝin preparis konforme al preciza kaj sistema planado kaj aranĝo. Diras la aŭtoro, ke, "se oni volas scii, kiel diri *alaŭdo* aŭ *biero,* ĉu en la angla, franca aŭ hispana, oni devas serĉi en la indekso 'birdoj' aŭ 'trinkaĵoj', kaj konsulti la koncernan kolum-

non por trovi kun rapido la serĉatan terminon". Nu, mi volis mem kontroli la uzeblon de ĉi tiu vortaro, serĉante la vorton *difekto*, kaj jam dekomence mi vidis min en embaraso. En kiu sekcio de la indekso mi devus serĉi? Post unuhora cerbumado kaj trafoliumado mi trovis ĝin en... 'Industrio kaj Komerco', kvankam ĝi kun la sama rajto povus sidi en 'La Homo', 'La Hejmo', 'Vojaĝoj', 'Iloj kaj Maŝinoj' ktp. En la sekcio 'Verboj', *difekti* ne troveblas, do mankas ankaŭ la respektivaj formoj en la hispana, angla kaj franca.

Kelkaj novaj provoj kun aliaj ordinaraj vortoj same fiaskis, tiel, ke mi komencis suspekti, ke 'Ergoto', granda dissemanto de ŝercoj en la Esperanta gazetaro, finfine nur pretendis fari rektan ŝercon al ĉiu konsultanto de sia vortaro.

Laŭteman, ilustritan vortaron hispanan-francan-anglan germanan publikigis en 1957 'Ediciones Daimón' Provenza 282, Barcelona (Hispanujo) tradukitan el la germana *Illustriertes Worterbuch* (Werlag Lebendiges Wissen, Frankfurt am Main), kies legon kaj aranĝon mi varme rekomendas al s-ro Adán Hrynkiewicz.

F. DE DIEGO

LA ĜENERALA INSTRUADO EN V. D. R. Tradukoj el diversaj aŭtoroj. Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1971. 144 paĝoj, 13 × 19 cm.

Malgraŭ la sanga batalado, kiu jam de 25 jaroj ŝtormas tra Vjetnamio, la ĝenerala instruado disvolviĝas en vere mirigaj proporcioj, se konsideri kiom da obstakloj kaj handikapoj devas superi militanta popolo. Ĉi tiu libro bone prilumas la nunan situacion en la kampo de la edukado en V. D. R., faras rivelajn komparojn kun la panoramo de pasintaj tempoj kaj projektas kun fido kaj optimismo por la futuro. Leginda libro, kies klara, simpla lingvo estas kroma logaĵo.

F. DE DIEGO

RESUMO PRI VJETNAMIO. Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1971. 132 paĝoj, broŝurita, ilustrita, kun faldebla mapo, 19 × 12 cm. Prezo: 48 ptoj.

Jam de multaj jaroj Vjetnamio estas nomo ĉiutage renkontata en la ĵurnaloj, en la radio, en la televido. Vjetnamio, unu el la tragedioj de nia epoko, influas kaj influos en la monda historio. La sekvoj de la sanga konflikto tie disvolviĝanta certe sentiĝos rekte aŭ nerekte en la ceteraj landoj, eĉ en la malproksimaj.

Ni ĉiuj konas la gravecon de Vjetnamo en la terenoj socia kaj politika, sed kion ni *efektive* scias pri tiu lando. Vere, kaj bedaŭrinde, preskaŭ nenion. *Resumo pri Vjetnamio* donas al ni ĝeneralan bildon pri ĝiaj diversaj aspektoj: geografia, historia, kultura, ekonomia, politika, ktp. kaj, kvankam oni traktas ilin de la vidpunkto de la marksisma dialektiko, la libro entenas sufiĉe da objektivaj, kaj meditigaj, faktoj, kiup rivelas al ni la landon kaj la spiriton de brava popolo meritanta pli bonan sorton.

F. DE DIEGO

LA HORLOĜISTO DE DJEN BJEN FU (elektitaj noveloj el la periodo 1945-1964). Tradukis Ng. Minh Kinh (kun la kunlaborado de la esperantistoj de Hanoja Esperanta Klubo). Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1971. 416 paĝoj, broŝurita, 13 × 19 cm. Prezo: 48 ptoj.

En ĉi tiu kolekto da dek naŭ noveloj troviĝas, (inter kelkaj jam antaŭe eldonitaj, kiel *La geedzoj A Fu*) aliaj, kiuj estas novaj por la esperantista publiko.

Tamen ili ĉiuj respegulas la samajn temojn: la revolucion, la rezistadon kaj la konstruadon de socialismo en Vjetnamio. En enkonduka noto, la eldonisto diras kun laŭdinda sincero: "seninterrompa milito, verkistoj plejparte junaj kaj senspertaj, tia estas la situacio de la vjetnama revolucia literaturo, kiu, kvankam disvolviĝanta pli prospere ol antaŭe, tamen faras siajn unuajn paŝojn... Ĝi ne havas la ambicion elmontri elstarajn verkojn".

Eĉ se tiel, la noveloj meritas atentan tralegon, ĉar oni povas eltiri el ili amason da interesaj informoj pri la historio, la moroj kaj la psikologio de la vjetnama popolo, tiel abunde dotita per brilaj kvalitoj kaj kapabloj.

F. DE DIEGO

**TRANS LA FABELOCEANO, de F. Szilagyi.** Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, 1972. Bindita, ilustrita, mapo, 19 × 12 cm. Prezo: 48 ptoj.

En nia, ni diru, "klasika" literaturo ekzistas veraj juveloj nekonataj de la junaj generacioj de esperantistoj. Laŭdindas do la iniciato de kelkaj eldonejoj (*Stafeto* per "Sekretaj Sonetoj", *Pirato* per "Lingvo, Stilo, Formo" kaj "Historio de la Mondlingvo", *TK* per "Vole, Novele", ktp.), kiuj komencas republikigi la trezoron de la antaŭmilitaj jaroj kaj helpas doni tiel perspektivon pli vastan kaj realan pri nia beletro. Al tiuj eldonejoj nun aliĝas Dansk Esperanto-Forlag per la bela "Trans la Fabeloceano", kiu siatempe trovis sukcesan akcepton, kaj kiu konservas ankoraŭ sian freŝon kaj intereson malgraŭ la multaj jaroj pasintaj ekde ĝia unua eliro. Cetere, Szilagyi estas unu el niaj plej bonaj stilistoj, kaj liaj fabeloj tion facile pruvas. Delikate amaraj, subtile pesimismaj, elegante seniluziaj, la fabeloj elspiras la mildan melankolion propran al spirito sentiva kaj profundapensa, kia estis la spirito de Szilagyi. Mi varme gratulas la danan eldonejon pro ties feliĉa ideo denove aperigi la fabelojn de nia hungara "klasikulo". La libro certe meritas amasan legadon.

F. DE DIEGO

SUNO KAJ PLUVO, de Gudrun Riisberg. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, 1972, broŝurita, 80 paĝoj, 21 × 14,5 cm. Prezo: 130 ptoj.

Jen fasko da rakontoj —15 entutekies temoj kaj humoroj iras... de la suno al la pluvo, kaj kie ne mankas gutoj da sana ironio. Ŝajnas, ke Dansk Esperanto-Forlag specialiĝis en ĉi tiu tipo de libroj distraj kaj lingve korektaj, preferataj de publiko, kiu ne volas rompi al si la kapon per transcendaj verkoj kaj arkanaj poezioj. Al tia publiko *Suno kaj Pluvo* konvenas kiel ringo al fingro. Kaj ankaŭ al lernantoj, kiuj studas jam en progresiga kurso.

F. DE DIEGO

**POR LA PACO. Diversaj aŭtoroj. Originaloj kaj tradukoj. Eldonis,** Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj, Moskvo, 1971. Broŝurita, ilustrita. 80 paĝoj, 20 × 14,5 cm. Prezo:

Kajero pri la defendo de Leningrado dum la milito, la renaskiĝo kaj prosperigo de la urbo depost la konflikto, kaj la perspektivoj al la futuro.

F. DE DIEGO

LEKSIKONO DE OFICIALAJ VORTOJ. Kompilis kaj eldonis Edward Ockey, 15 Upper Pines, Banstead, Surrey, Anglujo. Kajero 22-pĝa, 15 × 21 cm. Prezo: 35 ptoj.

Kun difinoj en la angla. Eble interesa al esperantologoj. Temas pri konscience farita laboro, sed ŝajnas, ke s-ro Ockey ankaŭ amas promeni en la lando de la fantazioj. Diri, kiel li diras, ke "words formed from the 4.535 official Esperanto roots can adequately express the sense of the 414.825 separate words contained in the thirteen volumes of the full *Oxford English Dictionary*" ŝajnas evitenda ekzemplo de malpropagando.

F. DE DIEGO

BONVENON AL KUOPIO. — Turisma, informa broŝuro plurkolora kaj faldformata, pri tiu interesa urbo. Mendoj ĉe Turisma servo de Kuopio.

VICHY. — Kiel ĉiujare, ankaŭ en 1972 oni eldonis en Esperanto plurkoloran informan broŝuron faldformatan pri tiu famkonata, turisma kaj kuracadloko.

BULGARIO. — Turisma informa broŝuro plurkolora, bele prezentita, kun fotoj de diversaj urboj de la lando. Eldonis: Centro por Turisma Reklamo ĉe la Komitato de Turismo.

# ELDONA FAKO DE H. E. F.

Je la dispono de niaj membroj kaj amikoj ni havas jenan liston de Esperantaĵoj:

Mendu ilin tuj mem:

| | | |
|---|---|---|
| Esperanto-insignoj stelformaj, pinglaj kaj butonaj, unuo ... ... ... | 18,— | ptoj |
| Esperanto-insignoj rondaj, pinglaj kaj butonaj ... ... ... ... ... ... ... ... | 20,— | " |
| Esperantaj insignoj glueblaj, rondaj, ovalaj kaj stelformaj, unuo ... | 10,— | " |
| Esperantaj flagetoj, silkaj kaj plastaj, unuo ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| Bulkrajonoj, 53.ª U. K. de Esperanto-Madrid, unuo ... ... ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| Kovertoj kun teksto, "Esperanto, La Lengua Internacional", deko ... | 5,— | " |
| Kovertoj kun teksto, "Esperanto, Internacia Lingvo", deko ... ... ... | 5,— | " |
| Plurkoloraj bildkartoj, Nia Sinjorino de la Espero, unuo ... ... ... ... | 3,— | " |
| Bildkartoj, Patro Nia, unuo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— | " |
| Poŝtkartoj kun alegorio, deko ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| Poŝtkartoj kun Himno "La Espero", deko ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| Afiŝoj Internaciaj, unuo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 5,— | " |
| Glumarkoj pri la Int. Libro-Jaro 1972, folieto 16 glm. ... ... ... ... ... ... | 8,— | " |
| Glumarkoj de la 57.ª U. K. de Esperanto en Portland, folieto 10 glu ... | 10,— | " |
| Glumarkaj steloj uzeblaj sur korespondado, folieto 35 steloj ... ... ... | 2,— | " |
| Faldfolio por universitatanoj, 6-lingva (angla, franca, germana, hispana rusa) informilo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— | " |
| Faldfolio ses-lingva, ĝenerala informilo (angla, araba, franca, germana, hispana, rusa) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,— | " |
| ETERNECO, Navarra legendo, de A. Núñez Dubús ... ... ... ... ... ... ... | 10,— | " |
| FILOZOFIO DE FANTOMO (W. Fernández Florez, tr. L. Hernández) | 30,— | " |
| LA LANDO DE ALVARGONZALEZ (A. Machado, tr. F. de Diego) ... | 50,— | " |
| BOLETIN extraordinario ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25,— | " |
| BOLETIN normal ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 15,— | " |

Ankaŭ estas je via dispono Insignoj, libroj, afiŝoj, poŝtkartoj, kaj glumarkoj de diversaj Hispanaj Kongresoj, kaj glumarkoj de Universalaj Kongresoj.

Mendoj kaj pago ĉe: Inés Gastón, P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha. ZARAGOZA.

---

DONATIVOS PARA BOLETIN-1972

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior ... ... ... ... ... ... ... | 1.762 | ptas. |
| José M.ª Goás Chao, Santiago de Compostela ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Antonio Valadas, Luanda ... ... ... | 50 | » |
| Pedro Alcedo ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Salvador Gumá ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| José Sardá ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Manuel Cos ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Antonio Criach ... ... ... ... ... ... ... | 250 | » |
| Jaime Perarnau ... ... ... ... ... ... ... | 250 | » |
| Tomás Apraiz ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Cecilia G. de Apraiz ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Eduardo Larrouy ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Lea Bernaerts, Bélgica ... ... ... ... | 30 | » |
| Ramón Molera ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| A. Urgellés de Molera ... ... ... ... | 50 | » |
| M. Elézcano ... ... ... ... ... ... ... ... | 100 | » |
| J. Figueras ... ... ... ... ... ... ... ... | 100 | » |
| J. Monfort ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| J. Bernaldo de Quirós ... ... ... ... | 50 | » |
| Angel García ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| J. Devís ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Juan Bosch ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Jacinto Martín ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| José Lerroux ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Amado Pons ... ... ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Dolores Brugués ... ... ... ... ... ... | 50 | » |
| Antonio Boigas ... ... ... ... ... ... ... | 100 | » |
| «Stelo de Paco» ... ... ... ... ... ... ... | 200 | » |
| Total ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.792 | ptas. |

## 14ª BARCELONA - PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Okazonta en Rielles del Fai la 18-an de junio 1972

PROGRAMO

Renkontiĝo de la kunvenantoj ĉe la Paroĥeja Placo.
Meso kun prediko, ambaŭ en Esperanto, fare de Pastro José M.ª Claramunt Sch. P. kaj Pastro Manuel Casanoves C. M. F. en la loka Paroĥejo.
Ĝenerala fotografado.
Inaŭguro de strato "Dro. Zamenhof".
Teatra prezentado en Esperanto, fare de la junulara trupo de Centro de Esperanto Sabadell, en loka Lernejo.
Prezentado de surstrata Esperanto-ekspozicio.
Frateca kunmanĝado en loka restoracio.
Kiel en pasintaj jaroj funkcios stando de Esperantaj libroj.
Informas: Centro de Esperanto Sabadell, str. Gral. Mola n-ro 99, SABADELL (Barcelona).

## EXCURSION TURISTICA A VIGO CON MOTIVO DEL 32 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

La Sección Esperantista Española de Turismo en colaboración con la Delegación de "VIAJES MELIA" en Zaragoza, ha organizado la siguiente excursión con visita a Portugal.

17-7-72 ZARAGOZA - SORIA - VALLADOLID
Por la mañana salida de Zaragoza en autopullman hacia Valladolid, con detención en SORIA para almorzar. Por la tarde continuación de viaje a VALLADOLID. Cena y alojamiento en el hotel.

18-7-72 VALLADOLID - BRAGANZA - OPORTO
VALLADOLID. Desayuno en el hotel. Salida hacia Portugal. Almuerzo en BRAGANZA. Por la tarde se continuará viaje a OPORTO. Cena y alojamiento en el hotel.

19-7-72 OPORTO. Pensión completa en el hotel. Día libre para visitar la ciudad.

20-7-72 OPORTO - VIGO
OPORTO. Desayuno en el hotel. Salida hacia VIGO. Almuerzo, cena y alojamiento en el hotel.

21-7-72 al 25-7-72 VIGO. Pensiones completas en el hotel. Días libres para asistir a las sesiones del Congreso Español de Esperanto.

26-7-72 VIGO - PONFERRADA - PALENCIA
VIGO. Desayuno en el hotel. Salida hacia Palencia. Almuerzo en PONFERRADA. Por la tarde continuación de viaje a PALENCIA. Cena y alojamiento en el hotel.

27-7-72 PALENCIA - SORIA - ZARAGOZA
PALENCIA. Desayuno en el hotel. Salida hacia Zaragoza. Almuerzo en SORIA. Por la tarde continuación de viaje para llegar a Zaragoza al anochecer.

Precio de la excursión por persona en habitación doble con baño. 8.465 ptas.

Informes e inscripción en la Sección Esperantista Española de Turismo, Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

## *57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29.ª, 7 ĝis la 5.ª, 8, 1972
Sub la Alta Protektado de Governor Tom McCall
Estro de la ŝtato Oregon

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto Federacio.
Statistiko (15-5-1972).
750 aliĝintoj el 38 landoj (Hispanoj 12).

## *INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ*

Okazontaj en Helsingør, Danlando
de la 23.ª ĝis la 30.ª, 7, 1972

Dum la semajno okazos jenaj kursoj:

1) *Elementa kurso* laú metodo Friis.
2) *Konversacia kurso.* La gvidantino scias paroligi ĉiujn en gaja maniero.
3) *Perfektiga Studrondo.* Stilo kaj formo de nia lingvo estas **la ĉefaj** temoj.
4) *Prepara Kurso por Friis-metodaj geinstruistoj.*
Ankaŭ *Ne-Kursanoj* estos kore bonvenaj en ĉi tiu semajno.
Sendu vian aliĝon (antaú 1/7 72) al s-ro L. Friis, Ingemannsvej 9, DK-8230 Äbyhj, Danlando.

## *EŬROPA ESPERANTO - KONFERENCO*

Okazonta en Wien (Aŭstrujo)
de la 23.ª ĝis la 30.ª, 7, 1972

Unua bulteno kun informoj kaj aliĝiloj estas riceveblaj en Hispanujo, ĉe F-ino Antonia Lapuerta, str. Maria Lostal 25/5.º p. 12, ZARAGOZA.




# 32ª Hispana Kongreso de Esperanto

**Organizita de Hispana Esperanto-Federacio.**
**Okazonta en Vigo (Pontevedra) de la 20ª ĝis la 25ª de Julio de 1972**
**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Apartado n.º 555, VIGO**

LOKA KONGRESKOMITATO. — Honora Prezidanto, Camilo Veiga Prego; Prezidanto, Arturo Moreira Lorenzo; Vicprezidanto, Julio Bueno Cortés; Sekretario, Celestino Pousa Veloso; Kasisto, Pío Moa Banga; Membroj, Amelia Salgado González, Paz García Otero, Lisardo Pérez Pérez, José García Sampedro, Emilio Crespo Cano kaj Efrén Castro Seijo.

KONGRESEJO. — "Círculo Recreativo Mercantil e Industrial."

PROVIZORA PROGRAMO

INTERKONA VESPERO

SOLENAJ MALFERMO KAJ FERMO DE LA KONGRESO

MESO EN ESPERANTO

EKZAMENOJ

LABORKUNSIDOJ. — Krom la Ĝenerala Kunveno de H. E. F., okazos Laborkunsidoj de la Estraro de H. E. F. kun delegitoj de Grupoj kaj Fakaj Kunvenoj.

PRELEGOJ. — Kiel ĉiujare okazos prelego en Esperanto kaj en hispana lingvo.

EKSKURSOJ. — Tuttaga ekskurso al Monto Sankta Tecla vizitante Bayona, La Guardia, Tuy kaj Porriño. Dum tiu ekskurso oni vizitos la Votan Templon de l'Maro, la Turisman Gastejo "Grafo de Gondomar" kaj diversajn strandojn. Duontaga ekskurso per ŝipo, vizitante la konservaĵan fabrikon "Masso". Post la Fermo de la Kongreso, tuttaga ekskurso al Santiago de Compostela, vizitante Villagarcia de Arosa ka La Toja.

AKCEPTOJ. — Akcepto en la Urbodomo. Kaj regaloj de diversaj Instancoj kaj Entreprenoj dum la tagoj de la Kongresoj kaj dum la ekskursoj.

FOLKLORO. — Folklora galega festivalo en la Parko Quiñones de León.

VIZITOJ. — Estas planitaj vizito al Muzeoj kaj diversaj vidindaĵoj de la urbo.

TIP C BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63